# Internacia Fervojisto




Dumonata organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
kaj fervojfaka revuo

ISSN 1397-4270

# 2017.2

**La reloj ligas la landojn – Esperanto la popolojn**

# Kio do?
# Novaĵoj pri la 69-a IFK en Colmar

## Karaj gelegantoj,

Per kio do veni tien? Ĉarma ideo pentri TGV por ornamo de la kajoŝtuparoj en *Colmar* kaj aserti ke ĝi ne estas trajno! Ĝi iel memorigas pri la oblikva perspektivo, al kiu ni devas alkutimiĝi aŭskultante la „alternativajn faktojn” de la aktuala usona ŝtatprezidanto.

Sed serioze: Ni rigardas ĉirkaŭen en Eŭropo kaj trans la Atlantikon kaj paŝon post paŝo perdas la konvinkon, ke la potenco finfine estas en bonaj manoj, ke regas konscio pri respondeco kaj ke portempe komisiitaj prezidantoj kaj registaroj, malfermaj al la bezonoj de la popolo kaj kun konsilo de fakuloj kaj elitoj trovas la ĝustan vojon por la bono de la homaro.

La homaro kiel tuto elmigras la fokuson. Anstataŭe sekvas la nacio, pri kiu laŭ bontrovo estas decidata, kiu al ĝi apartenas kaj kiu ne.

Kaj ni esperantistoj? Ni konscias kiel danĝera estas la evoluo. Niaj asocioj kaj federacioj estas politike neŭtralaj kaj tenas la pordon malferma al homoj kun ĉia konvinko. Sed ripete montriĝas, ke la kerno de nia mesaĝo, la ideo de nefiltrita kaj senpera interkomuniko en si mem estas esence politika afero.
La informado estas plej grava batalkampo kaj la informa libereco la unua viktimo. Informaj kanaloj estas plenigataj per propagando kaj mensogoj, kie tio ne sufiĉas la aliro estas barata entute. Gazetoj estas malpermesataj, ĵurnalistoj enkarcerigataj por garantii senkontrolan manipuladon. Lasta paŝo estas trovi popolon kulpan pri la propra malkomforto.

Ni esperantistoj ne estas imunaj kontraŭ manipulo. Sed la persona amikeco kun alinacianoj kaj alilingvanoj estas efika antidoto.

Amikajn salutojn



**Guido Brandenburg**

# Enhavo:

Karaj gelegantoj ........ 22
Enhavo, presindikoj ........ 23
Novaĵoj pri la 69-a IFK *Colmar* ........ 24
Raporto de la IF-redaktoro ........ 25
Raporto de la IFEF-kasisto........ 26
Tagordoj por kunsidoj dum la 69-a IFK ........ 35
Jarkunveno de GEFA en Baiersbronn........ 30
Jubilea FFK survoje! ........ 31
Honorigitoj de IFEF ........ 32
Informoj el FISAIC – la Briĝo-sekcio ........ 33
La barieroj malleviĝas ........ 34
La organizo de la fervojo havas fortajn radikojn........ 36
Unua ŝpatotranĉo en Oberhausen ........ 37
La 15-a Novjara Renkontiĝo en Saarbrücken........ 38

**Internacia Fervojisto**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
Apero: Januaro, Marto, Majo, Julio, Septembro, Novembro
Redaktofino: La 10-a de la antaŭa monato



**Bank-Konto:**
**Nomo:** „Laurent Vignaud”
**IBAN:** FR33 20041 0 1011 0929 374Y 03237
**BIC:** PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Retejo**: www.ifef.net
**Facebook:** https://www.facebook.com/pages/IFEF-Internacia-Fervojista-Esperanto-Federacio/726039834155372

# Novaĵoj pri la 69-a Internacia Fervojista Kongreso Colmar

## Stato de aliĝoj

Ĝis fino de la unua aliĝperiodo anoncis sin 121 personoj el 18 landoj. Post la 31-a de Decembro 2016 la kotizoj iomete altiĝis, sed restas ankoraŭ pageblaj. Trovu la aliĝilon sur la retpaĝo de IFEF
(http://ifef.free.fr/spip/IMG/doc/IFEF_2017-Aligxilo_COLMAR_nov.doc)
aŭ petu ĝin de
**André Grossmann, 5, rue des Pyrénées, 68390 BALDERSHEIM, Francio**

## Afrika vespero

La plej kolora kaj plej vigla programero de la Kongreso promesas esti la Afrika Vespero.
Kantoj de "Konga Espero" kaj dancigaj ritmoj de la grupoj "*Afrika Mbonda*" kaj "*La Grace*" kunprenos nin dum muzika vojaĝo tra meza Afriko.



Sed la vespero ankaŭ estu okazo prezenti la agadon de Eŭropa Afrika Solidareco, asocio fondita kun la celo iniciati evoluprojektojn en Afriko kaj peri komercajn rilatojn inter Afriko kaj Eŭropo.
Menciendaj estas la instalo de metilernejo proksime de *Damba*, Angolo, kaj la konstruo de kooperativo por kulturi moringo-arbojn (moringo oleifera) produktantajn nutraĵojn por konsumo surloka – ankaŭ tiu apud *Damba* en Angolo.
Eŭropa Afrika Solidareco jam propagandis por si dum la 100-a Universala Kongreso de Esperanto en *Lille*.

**Guido Brandenburg**

# Post kvar eldonoj - raporto de la IF-redaktoro



Nu jes – pretenda afero, post la unuaj kvar eldonoj jam verki raporton pri mia laboro.
La afero funkcias. Tion eblas konkludi el la fakto, ke la eldonado ĝis nun okazis sen interrompo.
La Internacia Fervojisto ŝanĝis iomete sian aspekton kaj modere sian strukturon. Enhave vi post la redaktoreca transiro ne ekkonos grandan diferencon. Inter la aliaj esperantlingvaj ĵurnaloj, bultenoj kaj gazetoj la IF pretendas esti fervojfaka revuo. Mi tial prioritate ĝojas pri kontribuoj koncernantaj fervojajn temojn, fervojistajn aranĝojn aŭ raportojn, kie la fervojo ludas centran rolon.
Sekve de la kotiza decido de San Benedetto en la jaro 2014 IFEF, respektive la landaj asocioj, dissendas la revuon alternative en presita formo aŭ elektronike per PDF-dosiero kroĉita al retmesaĝo. Pri diferencigitaj dosieroj „por legi“ kaj „por printi“ mi kiel redaktoro kaj kompostanto rezignas pro la ebleco senpere printi el *Adobe Reader* en broŝura formato. Komencaj obstakloj ŝajne estas venkitaj. La silento post la lastaj dissendokampanjoj dokumentas aŭ kontenton aŭ rezignacion.
La ricevantoj de la papera versio trovas ĝin kolora ankaŭ interne kaj sur alia papero. Ĝi ekde la numero 2016.4 estas produktata en sudgermana interreta presejo, kiu pruvis siajn kvalitojn jam per la Fervoja Esperantisto, la germana bulteno.
La presejo ĝin sendas al mia hejmo, de kie en kvar paketoj kaj 35 kovertoj ĝi migras en la mondon.
La retpoŝta distribuo okaze estas ĝenata de ricevoserviloj rifuzantaj mesaĝojn de certaj sendoserviloj, ĉar tiuj aperas sur aparte administrataj bloklistoj – beno kaj same malbeno celita kiel defendo kontraŭ spamatakoj. La envicigaj principoj de tiuj listoj estas ne nepre travideblaj kaj

ĉiakaze ne influeblaj de ordinaraj retmesaĝaj uzantoj.
Se vi devus esti ricevinta sed ne ricevis la Internacian Fervojiston rete, klopodu informi nin kaj indiku laŭeble alternativan retadreson.
Sed evidente necesas pripensi pri alternativaj metodoj de reta distribuo, kiuj ne signifas plian financan ŝarĝon.

**Guido Brandenburg**

## Raporto de la kasisto

Spezoj en la jaro 2016 (ĉiuj sumoj en Eŭroj)

| **Enspezoj** | **2016** | *2015* | **Elspezoj** | **2016** | *2015* |
|---|---|---|---|---|---|
| Kotizoj | 3.234,00 | *3.076,00* | IF-presado | 719,28 | *222,00* |
| FFK-vendo | 8,00 | *20,00* | IF-sendo | 448,20 | *114,00* |
| Insignoj | 5,00 | *8,00* | UEA-kotizo | 192,00 | *192,00* |
| Libroj Martin | 10,00 | | Afrankoj FK | 10,95 | *0,00* |
| Donaco | 1,00 | | Estraro | 762,25 | *831,00* |
| Kotizoj 2015 | 296,00 | | Reprezentado | 981,00 | |
| | | | FISAIC-kotizo | 150,00 | |
| | | | Bankkostoj | 5,70 | *52,20* |
| | | | ifef.net | | *33,60* |
| **Sumo :** | 3.554,00 | *3.104,00* | **Sumo :** | 3.269,38 | *1.444,80* |

Kotizoj:
La altiĝo de kotiz-sumo estas okultrompa: Ĝi plue malkreskas. La por 2015 ĝustigita sumo estas 3372 eŭroj (= 3076+296 ĉar en la jaro 2016 malfrue venis 296 Eŭroj: neanoncitaj kotizoj 2015). Resume, la evoluo de la kotizsumo estas la jena: por 2014, 3480 Eŭroj / por 2015, 3372 Eŭroj / por 2016, 3234 Eŭroj.
IF-kostoj:
En la jaro 2015 estis malpli alta sumo, ĉar estis repagitaj nur la 3 unuaj numeroj, dum en 2016 estis pli alta sumo ĉar estis repagitaj entute 9

numeroj - la 3 lastaj de 2015 kaj ankaŭ la 6 numeroj de 2016.

Reprezentado:

La federacion reprezentis la prezidantino interalie dum la UK en Nitra (somere en Slovakio) kaj en FISAIC-kunsido en Toulon (septembre en Francio).

FISAIC-kotizo:

Nun IFEF membras rekte en FISAIC por la landoj, en kiuj estas landa asocio de IFEF sed ne landa asocio de FISAIC.

**Bilanco je la 31-a de Decembro 2016**

| **Aktivoj** | **2016** | *2015* | **Pasivoj** | **2016** | *2015* |
|---|---|---|---|---|---|
| Banko | 2.616,90 | *1.116,03* | Fondusoj diversaj | 112,81 | *416,81* |
| UEA-konto | 11.117,84 | *10.399,84* | SAEF-Fonduso | 1.956,05 | *1.956,05* |
| Kaso | 247,76 | *2.367,01* | SAFE-Fonduso | 1.700,00 | *1.700,00* |
| Bultenoj antaŭ-pagitaj | | *500,00* | Kongres-Fonduso | 112,00 | *112,00* |
| | | | „Historia libro (IFEF 100 jaroj)“ | 2.047,70 | *2.047,70* |
| | | | Ĝustigo tro-repagitaĵo 2014 | | *500,00* |
| | | | Jarrezultoj sumigitaj | 7.533,32 | *5.874,12* |
| | | | Ĉijara rezulto | 284,62 | *1.659,20* |
| | | | Antaŭrice-vitaj kotizoj 2017 | 236,00 | *117,00* |
| **Sumo:** | 13.982,50 | *14.382,88* | **Sumo:** | 13.982,50 | *14.382,88* |

## Propono de buĝeto por la jaro 2018

| Enspezoj | EUR | Elspezoj | EUR |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 2.900,00 | IF-presado | 420,00 |
| FFK-vendo | 10,00 | IF-sendo | 300,00 |
| | | Estontaj agadoj | 1.000,00 |
| | | UEA-kotizo | 200,00 |
| | | Afrankoj FK | 20,00 |
| | | FISAIC-kotizo | 150,00 |
| | | Estraro | 800,00 |
| | | Bankkostoj | 20,00 |
| | | FFK-presado | 0,00 |
| **Sumo :** | 2.910,00 | **Sumo :** | 2.910,00 |

**Laurent Vignaud (kasisto)**




## Tagordo de la nepublika komitatkunsido en la 69-a IFEF-kongreso en Colmar (FR) 18.05.2017

1. **Malfermo, konstato de la mandatoj**
2. **Diskutoj pri kongresproponoj**
   2.1. Statut-ŝanĝoj rilate al membriĝo al IFEF
3. **Honorigoj**
4. **Diskuto kasraporto kaj bilanco 2016, buĝeto 2018**
5. **Analizo pri la situacio kaj la estonto de IFEF**
6. **Diskuto pri venontaj kongresoj**
7. **Analizo pri eksteraj rilatoj**
   7.1 UEA
   7.2 FISAIC
   7.3 UIC
   7.4 SAT- ILEI - UMEA - ISAE - TAKE - IKEF
   7.5 El Popola Ĉinio - Heroldo de Esperanto
8. **Eventualaĵoj**

**Vito Tornillo (sekretario)**



# Tagordo de la publika komitatkunsido dum la 69-a IFEF-kongreso en Colmar (FR) 19.05.2017

1. **Malfermo, konstato de la mandatoj**
2. **Ricevitaj telegramoj, leteroj**
3. **Honorigo al la mortintoj**
4. **Estraranaj raportoj**
   4.1. Sekretario
   4.2. Redaktoro
   4.3. Kasisto
5. **Buĝeto 2018, kaj kotizkonfirmo**
6. **Protokoloj IFK 2016 Varna (BG)**
7. **Raporto de la ĉefkomitatano**
8. **Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**
   8.1 Gvidanto
   8.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)
   8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)
   8.4 Statutrevizia Komisiono
9. **Raportoj de la komisiitoj**
   9.1 Komitatano „A” de IFEF ĉe UEA.
10. **Resumo de la jarraportoj 2016 el la landaj asocioj**
11. **Analizo pri la situacio kaj la estonto de IFEF**
12. **Kongresproponoj**
    12.1. Statut-ŝanĝoj rilate al membriĝo al IFEF
13. **Rilatoj al aliaj organizoj:**
    13.1 UEA
    13.2 FISAIC
    13.3 UIC
    13.4 SAT- ILEI - UMEA - ISAE - TAKE - IKEF
    13.5 El Popola Ĉinio - Heroldo de Esperanto

(vd. sekvantan paĝon ->)

**14. Venontaj kongresoj**
14.1 Konfirmo de la invito al la 70-a IFK en 2018
14.2 Elekto de la lando por la 71-a IFK en 2019
14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj
**15. Raportoj de la laborgrupoj**
**16. Eventualaĵoj**
**17. Libera diskutado**

**Vito Tornillo (sekretario)**

## Tagordo por la kunveno de FK dum la 69-a IFEF-kongreso:

1. Bonvenigo kaj enkonduko fare de la FK-gvidanto.
2. Raporto de la Fake Aplika Sekcio-sekretario.
3. Raportoj pri faka laboro en unuopaj IFEF landaj asocioj.
4. Fakaj programeroj dum la 69a IFK.
5. Raporto de la Terminara Sekcio-sekretario.
6. Raportoj de la TS-kunlaborantoj (kaj landaj kaj individuaj).
7. Trakto de nocioj laŭ informoj en Terminaraj Kurieroj.
8. Fakaj programoj dum la 70-a IFK.
9. Novaj taskoj por la sekcioj.
10. Eventualaĵoj (sub tio korektado de la adreslisto).

**Jan Niemann (gvidanto Faka Komisiono)**

## Jarkunveno de GEFA en Baiersbronn

Loko kaj dato de la jarkunveno de Germana Esperanta Fervojista Asocio 2017 estas fiksitaj. Ĝi okazos de la 7-a ĝis la 9-a de Oktobro en la ferio-hotelo „*Am Kurgarten*“ en *Baiersbronn*.
Ĝi situas en sudokcidenta Germanio, pli precize en la Nigra Arbaro en alto de ĉ. 500 metroj super marnivelo.
La hotelo estas proksima al la stacio Baiersbronn, en km 48,9 de la unu-traka elektrizita linio „*Murgtalbahn*“, kies kruta kaj kurboriĉa traceo



La kunvena hotelo en Baiersbronn
(Foto: BSW24)

kondukas tra la *Murg*-valo de *Rastatt* al *Freudenstadt.* La hotelo disponigas komfortajn ĉambrojn, naĝejon kaj aliajn distrajn ofertojn.
Eksterlandanoj estas bonvenaj kaj ĝuos rabatitan prezon.

Informoj haveblas ĉe
fervoja.esperantisto@t-online.de

**Guido Brandenburg**

## Jubilea FFK survoje!

La Fervojfakaj Kajeroj (FFK) meritas la specialan fieron de IFEF. Tradicie ili donas spacon al kontribuoj enhave pretendaj kaj specifaj, ne konvenaj por larĝa publiko, sed pruvo por la aplikebleco de Esperanto kiel faklingvo. La 25-a eldono de la FFK estas kompilita kaj kompostita. Dum la IFK en Colmar vi unuafoje havos la okazon ĝin aĉeti je prezo de du Eŭroj. Vi trovos jenajn kontribuojn:

- Evoluo de vojgvidaj transportsistemoj
- Transporto de danĝeraj varoj per fervojo
- Diagnoziko de fervojvagonoj
- Fervoja kargo-transportado de Ĉinio
- Akumulatora manovra traktoro
- Stacidomoj pripentritaj




**Lene kaj Jan Niemann**

# Honorigitaj membroj de IFEF



### Honora Prezidanto de IFEF

| | | |
|---|---|---|
| D-ro Bolognesi, Romano | Italio | 2009 |

### Honoraj Membroj de IFEF

| | | |
|---|---|---|
| De Sutter, Lucien | Belgio | 1997 |
| Li Sen | Ĉinio | 2006 |
| Nobuki, Naosuke | Japanio | 2006 |
| Robiolle, Pierre | Francio | 2007 |
| Stuppnig, Martin | Aŭstrio | 2008 |
| Inĝ. Gulyás, István | Hungario | 2009 |
| D-ro Hoffmann, Heinz | Germanio | 2010 |
| Brletić, Marica | Kroatio | 2010 |
| Ripoche, Jean | Francio | 2010 |
| Tomíšek, Jindřich | Ĉeĥio | 2016 |
| Litov, Georgi | Bulgario | 2016 |



### Honoraj Membroj de FISAIC

| | | |
|---|---|---|
| De Sutter, Lucien | Belgio | 1998 |
| Ph.-D-ro Abelovská, Anna | Ĉeĥio | 2007 |

### Honorigitoj per speciala FISAIC-medalo

| | | |
|---|---|---|
| Geroldinger, Johann | Aŭstrio | 1967 |
| Robiolle, Pierre | Francio | 1994 |
| Huber, Walter | Aŭstrio | 2010 |
| Tomíšek, Jindřich | Ĉeĥio | 2012 |

### Honora Patrona Komitato de IFEF

| | | |
|---|---|---|
| Ceci, Pasquale | Italio | 1970 |
| D-ro Boulton, Marjorie | Britio | 1977 |
| Inĝ. Rodak, Aleksander | Pollando | 1987 |
| Vojtech, Zelenka | Ĉeĥio | 2003 |
| Ph.-D-ro Abelovská, Anna | Ĉeĥio | 2011 |

# Informoj el FISAIC – la Briĝo-sekcio




Kiel konate FISAIC estas forumo por praktiki kulturan okupon sur internacia nivelo. Tiel ĝeneraleca kiel tiu priskribo, tiel vasta estas la gamo de aktivecoj, kiujn la membroasocioj praktikas. En la kadro de la FISAIC-rubriko, kiun ni promesis regule enpaĝigi, ni deziras prezenti la sekcion de la Briĝo-ludantoj.
Rilate la nomoriginon de la kartludo “Briĝo” fantomas diversaj teorioj tra la reto. La egaleco kun la angla vorto por “ponto“ misgvidas ĉar certe oni ĝin ne devige ludas sur ponto. Oni ankaŭ ne konstruas ĝin. Iuj asertas, ke volbante ludkarton eblas marki ĝin kaj la usonanoj por tio kreis la nocion *“to bridge*”. Aliaj opinias, ke ĝi devenas el malnova (kieva) rusa lingvo, kie “*бирич*“ (biriĉ) estis heroldo (kiu eble anoncas sian preferatan kartemblemon?) – ankaŭ tio ne nepre konvinka klarigo.




La ludon partoprenas minimume kvar personoj – du paroj sidantaj vid-al-vide. Ili uzas kolekton de 52 franctipaj ludkartoj. Aŭkcion de proponoj kun cifero kaj emblemo sekvas ludo dum kiu la paroj en pluraj sinsekvaj rondoj klopodas preni la surtabligitajn kartojn aldonante karton kun atuta emblemo kaj se necese hierarkie superan el la propra stoko.
Ludi Briĝon en minimuma rondo de kvar personoj estas relative malinterese, ĉar la rezulto ĉefe dependas de hazardo. Per ruzo kaj lerteco eblas gajni en turniroj, kie konkuras pluraj grupoj.
Pro tio la Briĝo-sekcio de FISAIC, gvidata de *John Våge* (Norvegio), *Gabriel Ovidenie* (Rumanio) kaj *Jean-Pierre Gries* (Francio), klopodas ĉiun duan jaron okazigi internaciajn aranĝojn. La pasintan en la jaro 2016 organizis la dana asocio. En Svendborg sur insulo *Fyn* partoprenis grupoj

el Danio, Francio, Germanio, Hungario, Norvegio, Rumanio kaj Pollando, kies delegacio gajnis la turniron. En la venonta jaro laŭplane invitos Norvegio.
La Briĝo-sekcio alfrontas evoluon similan al aliaj en FISAIC. Landaj asocioj disfalas kaj eksiĝas, ĉar mankas tempo aŭ intereso pri la specifa liber-tempa okupo aŭ pri translima kontakto. Sed ankaŭ tie okaze troviĝas novaj interesuloj. Aktuale greka asocio pensas pri aliĝo.

(laŭ informoj de Jean-Pierre Gries,
prezidanto de la Teknika komisiono Briĝo en FISAIC)

**Guido Brandenburg**

## La barieroj malleviĝas.

Reflekse post ĉiu kruela atenco trafinta hazardajn aŭ elektitajn viktimojn, kiel en Parizo, en Bruselo, en Nico, en Berlino, aperas la postulo pri havigo de pliaj informoj – pliaj informoj, kiuj ebligu al la polico trovi suspektindajn personojn kaj preventi la realigon de iliaj planoj. Reflekse ankaŭ sekvas la refuto, ke serĉante pinglon en la fojno ne nepre utilas aldoni plian fojnon.



Thalys en Belgio survoje al la germana limo
(Foto: Andreas Junker, WikiMedia)

La decidoj el la politiko kaŭzas kutime moderan kaj mallongdaŭran eĥon ĉar la sekvoj restas nevideblaj kaj nesperteblaj.
Ĉu la fervojaj vojaĝantoj en Belgio tiel rapide digestos la sekvojn de la „leĝo pri la kolekto de pasaĝerdatumoj“, kiun akceptis la belga parlamento la 22-an de Decembro 2016, estas almenaŭ dubinde.
La leĝo preskribas por granddistancaj aŭtobusoj kaj por trajnoj la samajn

regulojn rilate la pasaĝerdatumojn, kiel ili estas aplikataj jam en aertrafiko. Kiu planas vojaĝon, antaŭe transdonu tutan faskon de informoj, kiel nomon, naskiĝdaton kaj adreson, trajnkonektojn, vagon- kaj sidlokan numeron, kunprenotan pakaĵon, kunvojaĝantojn, biletpagon kaj multajn pliajn.

*Jan Jambon*, la belga ministro por internaj aferoj, anoncis jam al la eŭropaj najbaroj, ke la belga ŝtato postulos la samajn datumojn en la translima trafiko. Duboj aŭdiĝas en politiko kaj administracio, protesto unuavice en la koncernataj entreprenoj.

Alie ol aviada entrepreno la fervojo ofertas densretan amastransportilon kun multaj dumvojaj haltoj. Postuli de siaj pasaĝeroj antaŭ allaso ne nur validan bileton, sed pruvon de identeco kaj ekzaktan vojaĝplanon nuligus unu el la esencaj avantaĝoj de la fervojo, tiun de fleksebleco kaj rapida dispono libera al la klientoj.

La Germana Fervojo atentigas pri la enormaj organizaj kaj teknikaj investoj bezonataj antaŭ enkonduko de tiaj aliraj kontroloj. Antaŭvidante stacidomojn kun transitaj zonoj kaj klientojn pretajn komenci la foriran proceduron du horojn antaŭ ekveturo kaj pretajn rezigni pri alternativaj konektoj la afero certe estas ebla.



En estonto survoje tra Eŭropo
(Foto: sheadquarters, pixabay)

Ne estas klare ĉu la anticipataj kontroloj konformas al la eŭropa juro, same ne ĉu tiakaze ili fariĝu eŭropa normo. La EU-Komisiono ankoraŭ ne formulis opinion.

Sed unuflanka enkonduko de la nova leĝo fare de la belga ŝtato ankaŭ por translima trafiko, probable signifus la finon por la translimaj konektoj per Thalys kaj ICE-trajnoj el Germanio.

Fontoj: Westfälischer Anzeiger, DB-Netze

**Guido Brandenburg**

# La organizo de la fervojo havas fortajn radikojn

Rigardante la kvar nordiajn landojn kaj la tieajn fervojojn oni vidas multajn similaĵojn sed ankaŭ kelkajn diferencojn.
La kvar ŝtataj fervojoj – VR, SJ, NSB kaj DSB – estas nuntempe devigataj ŝanĝiĝi simple pro la cirkonstancoj en Eŭropo kaj en la mondo. En ĉiuj kvar landoj necesas

- forigi la decidan rolon de la registaro,
- dividi la infrastrukturan sekcion kaj la ekspluatadan,
- ekspluati var- kaj pasaĝertransporton en libera konkurenco.




Sed estas tute ne samtempa kaj samrapida procedo en la kvar landoj, kaj ankaŭ la metodoj malsamas.
Fervojo kaj fervoja ekspluatado estas tradiciriĉaj branĉoj, kaj kvankam la moderna socio postulas ŝanĝojn por sekvi la ceterajn transportsektorojn kaj povi konkurenci, la realigo ne ĉiam facilas. En tiu rilato estas bona afero, ke multaj 'altranguloj' en la fervojaj kompanioj aktuale venas de la ekstera mondo kaj ne estas kreskintaj en la fervojo. Ili per freŝaj, novaj okuloj povas rigardi la kompleksan taskon.
En ĉiuj kvar nordiaj landoj nun oni dividis la infrastrukturon kaj la ekspluatadon. Pri la libera konkurenco en trafiko oni povas diri, ke VR, SJ kaj DSB sekvas tri paralelajn ŝpurojn. Nur la tempo kaj la maniero estas diversaj. Svedio estis la unua, pri kio ni antaŭe skribis en IF, kaj en Svedio ĉio okazas en libera konkurenco. Danio sekvis, sed en libera konkurenco estas nur 'elektitaj linioj'. Finnlando sian unuan vartrafikan linion ekspluatas nun en libera konkurenco. Norvegio estas ekster la Eŭropa Unio (EU), sed grandskale sekvas la regulojn kaj la strategiojn, ankaŭ pro rilata interkontrakto kun EU, kaj la transportsektoro de Norvegio ĝuste en tiujĉi monatoj trairas grandan strukturŝanĝon.

**NJT 4, septembro 2016, artikolo de *Flemming Lund*. Kompilis DEFA**

# Unua ŝpatotranĉo en Oberhausen

Kun nur iomete da prokrasto komenciĝis la konstrulaboroj por aldoni trian trakon al la linio *Oberhausen – Emmerich*. La planoj antaŭvidis origine sukcesan finon en la jaro 2003. Klarigojn kaj kaŭzojn ni serĉas en la jura kadro (vd. Fehmarn-tunelo en la pasinta IF-eldono), en mankanta faka personaro de la Germana Fervojo kaj en sukcesa lobiado fare de la germanaj havenoj. Grandaj konstruprojektoj en Germanio postulas plankonfirmon, procedon kiu garantiu kundecidon de ĉiu koncernata privatulo, entrepreno, asocio aŭ administracio. En la komenco la plankomisiitoj transdonas la planojn al aŭdienca administracio – ĉikaze la distriktaro *Düsseldorf* - kiu ilin publikigas kaj kiu kolektas dum fiksita tempospaco la argumentojn. Tiujn la plankomisiitoj konsideras, alternative akceptas kaj adaptas la planojn aŭ malakceptas. En sekvanta paŝo la ne kontentigitaj koncernatoj kaj la plankomisiitoj diskutas la postulojn. Restantajn konfliktojn la aŭdienca administracio kun propra komento transdonas al la plankonfirma administracio (ĉikaze la ŝtata fervoja oficejo), kiu kontrolas la argumentojn kaj arbitracie decidas. Kontraŭ tiu decido denove eblas alvoki la administra-




Malferma ceremonio: Antaŭ la ŝaumvino la gravuloj baraktas kontraŭ la kovrotuko.
Foto: DB-Mediathek




En 12 plansekcioj necesas konsento de komunumoj, asocioj kaj najbaraj loĝantoj.
(Skemo: DB-Mediathek)

ciajn juĝejojn. Demokratio povas esti postulema. Sed nun post foriro de la politikistoj efektive venas la skrapmaŝinoj.
*Oberhausen-Emmerich* interligas la nederlandan *Betuwe*-linion, inaŭguritan 2007 de reĝino Beatrix, kun la germana fervoja reto kiel ĉenero de la 1.300 km longa kargotrafika itinero *Rotterdam – Genova.*
La realigo estas subvenciata el rimedoj de la 6,7-miliona EU-projekto *CODE24*. Ĉar sur tiu vojo estas ankoraŭ pliaj truoj ŝtopendaj, la kompleta itinero estu funkcipreta en la jaro 2022.
La investoj en la sekcio *Oberhausen – Emmerich* ĉefe koncernas 46 km longan novan trakon, ŝanĝkonstruon de 23 km da ekzistanta trako kaj la anstataŭigon de 55 traknivelaj pasejoj per 38 super- kaj subtrakaj pontoj. Ŝanĝkonstruendaj estas 11 stacioj kaj 47 pontoj.
La sekuriga sistemo estos adaptata al ETCS je nivelo 2 kun signaliloj.

Fontoj:
*DBNetze, Rheinische Post, Westfälischer Anzeiger*

**Guido Brandenburg**

## La 15-a Novjara Renkontiĝo en Saarbrücken

Post unu jaro ni denove revidis nin en *Saarbrücken* por kune festi la Novjaran Renkontiĝon (NR) en gaja kaj amika etoso. La evento estas organizata de la asocio EsperantoLand. La ĉeforganizanto *Lu Wunsch-Rolshoven* kun pluraj helpantoj pretigis interesan jarfinan semajnon. Pri la programo zorgis *Betti Maul*, pri la tekniko okupiĝis *Pjotr de Mulder* kaj *Klaus Rumrich*. Al la programo multe kontribuis ankaŭ *Ines* kaj *Christoph Frank*.



Tajdo, fiŝoj kaj turistoj (kaj rumo)
Helmut Klünder skizas la vivon sur la orientfrisaj insuloj
(Foto: Liba Gabalda)

La NR-on partoprenis 196 geesperantistoj el 15 landoj ne nur el Eŭropo. Ĉeestis multaj familioj kun infanoj kaj gejunuloj ĝis 19 jaraĝaj.

Riĉa programo kontentigis ĉiujn ĉeestantojn. Ni povis ĝui diversajn prelegojn, diskutrondojn, laborgrupojn, atelierojn, kvizojn, diversnivelajn Esperanto-lingvokursojn. Oni povis lerni ankaŭ la hispanan. Ne mankis riĉa libroservo, variaj tabloludoj, vesperaj filmoj, malstreĉiga gimnastiko aŭ ritme vigla zumbo, kurso de tango kaj ĉendancado. Intereson vekis plibonigo de memoro per la japana lingvo, budaisma plenkonscia meditado, balada kulturo de Feroaj insuloj, la libroarto-Orimoto kaj aliaj programeroj. Ni eksciis kiu inventis la komputilon kaj kial la homoj neas sciencon, kien iros Eŭropo post la “Breksiĝo”, pri la dana filozofo Martinus, pri liberalaj religioj, pri Duolingo, pri la Edena ĝardeno, pri justa komerco, pri gravitaj ondoj, pri Esperanto en Afriko, pri perspektivoj de Eŭropa Unio kaj eĉ pri bano, duŝo kaj necesejoj tra la mondo. Interesis nin matematika prelego pri senfineco, ĝiaj problemoj kaj paradoksoj, la historio de Kubo kaj Usono, la vivo sur strangaj mondoj kaj la vivo sur la orient-frisaj insuloj. Ni diskutis pri monda politiko, pri enmigrantoj, pri disvastigo de Esperanto, pri ReVo (Reta Vortaro). La projekton "Unu leciono pri Esperanto, por ĉiuj lernejanoj" proponis *Lu Wunsch-Rolshoven*. Pri la demando "Ĉu normalaj infanoj ankoraŭ ekzistas?", prelegis kaj diskutis *Martin Markarian*. Pri "Ĉu reguligita laŭleĝigo de kanabo estas dezirinda?" raportis kaj diskutis *Markos Kramer*. *Gijom' Armid* organizis seminarion pri "Vivi por feliĉi aŭ feliĉi por vivi?" Okazis tradukateliero kun *Brian Moon* kaj *István Ertl*, konstruo de sorobano kun *Kimie Markarian*, Risko-kvizo kun *Edy Van den Bosch*, scienca kvizo por teamoj kun eksperimentoj kun *Klaus Rumrich*, skeĉoj de *Mirejo Grosjean* okaze de la jaro de lernado.



Petoli apartenas al la vespera programo ...
(Foto: Liba Gabalda)

Ni spektis bildprezentojn de *Amri Wandel* pri Slovakio, Slovenio, Monte-

negro kaj pri *Petra*, la antikva mistera ĉefurbo en la jordana dezerto. *Bernard-Régis Larue* gvidis nin tra parkoj de *Yellowstone* kaj *Colorado* en Usono. *Ulrich Brandenburg* rakontis kaj montris interesajn bildojn pri Portugalio, kie en la jaro 2018 en Lisbono okazos la 103-a Universala Kongreso. Li donis al ni emon partopreni ĝin. Ankaŭ la infanoj ĝuis tre riĉajn programerojn en multaj atelieroj. Interesis ilin pretigado de pilkoj por ĵonglado, origamio, fabrikado de strigoj kaj aŭtoj el kartono, pupetoj el ŝtofoj. Ne mankis rostado de bananoj kun ĉokolado, preparado de filmeto farita el fotoj, poŝtranĉiloj, kantado, ĵonglado, feltumado kaj ornamo de kandelingoj. La plej malgrandaj kun entuziasmo sekvis Mazi-kurson. Plaĉis al ili ludado kun samaĝuloj kaj libera petolado. Dum la paŭzoj virinoj trikis, iuj komputilis, legis, kartludis aŭ babilis ĉe glaso da vino, biero aŭ kafo. Estis prezentitaj fotoj el la pasintjara NoRo, beletra almanako. Vespere ni ĝuis pup-teatraĵon: "Avino! kriĉas Filipo" fare de *Christoph Frank*, koncerton de ĴeLe kun akompano de la kubano *Geomar*. Plezure koncertis ankaŭ *Gijom'* kaj *Kim*. Dum la Internacia vespero prezentiĝis niaj talentuloj. Ni ĝuis pian-, kontrabas-, violon-, kaj flut-ludadojn, ĵongladon, ĥor-kantadon, dancadon, kanĵi-kvizon kaj skeĉojn de István Ertl. Ĉe la fino *Lu Wunsch-Rolshoven* dankis al ĉiuj kontribuintoj kaj al la partoprenintoj de la aranĝo.



... same kiel streĉa atento
(Foto: Liba Gabalda)



Slojdado kun supren ŝovitaj mankoj
(Foto: Liba Gabalda)

**Liba Gabalda**